# INTERNACIA

JARO XX, majo-junio 19..

N-ro 2



# ĴURNALISTO

Organo de Tutmonda Esperantista Ĵurnalista Asocio (TEĴA)

## SCIENCO, SCIENCISTO KAJ ESPERANTO

La proksiman, kaj eble la lastan sian triumfon antaŭ universaliĝo Esperanto evidente atingos sur flugiloj de Scienco. Tio estas sentata laŭ osciloj de subteraj blokoj, laŭ multaj iniciatoj kaj aranĝoj sciencaj, laŭ amasa entreprenata laboro kaj komunikoj pri tio en la preso.

Sed interese estas ankaŭ konstati kion jam faris la Scienco por Esperanto reale. Certe, Scienco ne estas iu superĉiela fantomo. Ĝi estas: homoj, posedantaj sciojn, kapablojn kaj speciale sciencan konstitucion, kiu estas malfacile difinebla per unu vorto, eĉ per unu frazo, sed plene difinebla per kelkaj frazoj. Sciencan naturon de homo karakterizas unuavice kompreno de novo kaj preteco pledi ĝin kaj ĉiel defendi ĝin. Sed apud tio gravas unue nenionakcepto de kredo, dubo pri ĉio kaj en ĉio, konstato de argumentoj kaj eĉ speciala kapablo elserĉi argumentojn, nutrantajn dubojn; due, strebo ekscii, kompreni profundajn radikojn, „kubutajn kaj konsekvencajn kaŭzajn" ligojn inter fenomenoj; trie, speciala trejno de menso, ebliganta deĉifri serĉaton, klarigi, dispartigi, klasigi, analizi kaj sintezi fenomenojn kaj iliajn komponentojn, la bazo de tiaspeca trejnado plej vaste estas en matematika prilaboro kaj reformo de cerbo; atento al plej etaj spuroj, nuancoj, devioj de la „normo" en la esplorataj fenomenoj, kaj eĉ en jam konfirmitaj specoj, kaj fine-sentima konsidero de eraroj, kapablo noti kaj korekti proprajn erarojn kaj erarojn de aŭtoritatoj, kiujn oni en vasta skalo ne rimarkas aŭ ne atentas. Sciencisto devas kapabli

malrezigni siajn konvinkojn kaj simple rezigni siajn erarojn. Verŝajne estas ankoraŭ aliaj ecoj, sed eĉ la cititaj sufiĉas por studi la starigitan problemon.

Kion jam donis al Esperanto la Scienco? Mi volas pri tio rakonti historion, kiu devas certgrade prezenti al E.-ĵurnalistoj mensan nutraĵon por digesti la okazintajn eventojn.

La 9.7.1979 forpasis en Moskvo en la aĝo de 86 jaroj akademiano Aksel Berg. Li estis la homo, posedanta ĉiujn suprecititajn ecojn. Kaj vice kun multaj atingoj, kiujn li havis en la ĉefa afero de laboro - radiotekniko, li faris tiom multe por Esperanto, ke ne estas eble kaj inde neglekti tion. Kaj precipe estas grave konigi lian eminentan kontribuon speciale en sukcesoj de Esperanto en USSR.

Mi memoras la jarojn, kiam ankoraŭ vivis la konata verkisto kaj esperantisto Ivan Sergeev. En siaj rakontoj pri diversaj prelegoj en Moskva Klubo de Literatoroj li foje komunikis, ke dum prelego pri la esenco de la moderna scienco A.I.Berg pledis por Esperanto. Tio estis en kvindekaj jaroj.

Post kelka tempo okazis tiel, ke A.Berg iĝis unu el du ĉefredaktoroj de enciklopedio „Aŭtomigo de produktado kaj industria elektroniko". Mi tiam laboris kiel scienca redaktoro en la Granda Soveta Enciklopedio, sub kies egido estis eldonita la menciita enciklopedio. Kaj mi renkontiĝis kun akademiano Berg. Tre baldaŭ nia interparolo transiris al Esperanto. Li petis min esti lia konsultanto pri problemoj de IL. Kaj tuje petis mian konsilon pri celkonformeco de Esperanto-indekso al la enciklopedio aldone al angla-franca-germana. Certe mi arde subtenis tiun sugeston. Kaj li, vere, proponis enkondukon de la kvara indekso dum kunsido de redakta kolegio. Sed la propono estis malakceptita de la plimulto de la kolegio.

Akademiano A.I.Berg estis la kreinto de „Cibernetika Konsilio en la kadron de scienc-akademiaj institucioj". La kunlaborantoj nomis ĝin „Ci-Berg-netika Konsilio". Sub aŭspicio de la Cibernetika Konsilio estis kreita E.-sekcio kiel komponento de Semiotika Sekcio.

La sekcieto konsistis el ses homoj: tri cibernetiko-matematikistoj Berg,Markov,Uspenskij) kaj tri esp-istoj(Bokarev,Armand,Danovskij).

Estis pridiskutitaj kelkaj demandoj, preparitaj de la partoprenantoj por konatigi „sciencistan opinion“ pri la problemoj de IL. La artikolo „64 lingvoj kaj unu“ en „Literatura Gazeto“, bone konata al la ĵurnalistoj pro publikigo en „IĴ“, estis unu el la kelkaj laboroj de la Sekcio. Laŭ propono de Berg estis organizitaj diskutoj kun sciencistoj pri IL-problemoj. Unu el tiuj estis farita sub lia prezido kun partopreno de elstaraj sciencistoj: filozofoj, filologoj, lingvistoj ka. Tasko kaj celo de tiu kunveno estis klarigi, kiun argumentaron povas prezenti la kontraŭuloj de Esperanto. La rezulto estis mirinda. Neniu el la kontraŭloj povis formuli siajn kontraŭargumentojn. Kaj la sola homo, kiu provis eldiri iujn konsiderojn - la filozofo M.D.Kammari - esprimis tiom nekonvinkajn ideojn, ke la kunvenintoj klare ekvidis: seriozaj, science argummentitaj obĵetoj kontraŭ Esperanto ne ekzistas ĝenerale. Tiujn konkludojn substrekis en sia parolo A.I.Berg. La sekvanta pridiskuto estis organizita en la redakcio de ĵurnalo „Teknikon al Junularo“, tre disvastigita presorgano inter junularo de USSR. Tiun diskuton partoprenis interalie ankaŭ profesoro I.Serdahelyi, hungaro hazarde estinta tiam en Moskvo. La pridiskuto estis tre vigla kaj enhavoriĉa, el kiu sekvis, ke la nuna reala mondo akre bezonas simplan komprenilon, precipe tio koncernas Sciencon kaj Teknikon. Prezidis la ĉefredaktoro de la ĵurnalo V.Zaharĉenko.

Akademiano A.Berg subtenis la prelegon de profesoro doktoro E. A.Bokarev al la Prezidio de Scienca Akademio de USSR kaj mem ĉeestis tiun prelegon kiel membro de la Prezidio. Rezulte de tiu kunsido estis komisio al la Lingvoscienca Instituto krei Probleman Grupon por IL.*

Sub prezido de A.I.Berg okazis la 26.9.1963 solena kunveno en Biologia Instituto de Scienca Akademio, kiam oni celebris 80-jaran jubileon de prof.d-ro Sergeo Ĉehotin - fama aŭtoro de ultra-

viola-radia operaciado de biologia ĉelo, kaj esperantisto.

La lasta iniciato de A.I.Berg estis kreo de Grupo „IL kaj dokumentiko" en la kadroj de la Cibernetika Konsilio.

A.I.Berg travivis grandan eventoplenan vivon. Li naskiĝis en 1893 en Orenburgo. Evidente liaj gepatroj apartenis al tiuj specialistoj, kiuj estis ligitaj kun la konstruado de transibiria fervojo. Lia patro estis svedo kaj la patrino - francino. En 1914 li finis maroficiran lernejon. Li partoprenis la Unuan Mondmiliton kiel navigisto en brita submarino, kiu agis sub komando de rusa floto. En 1925 li finis Militan Maran Akademion kaj fariĝis renoma aŭtoritato en radiotekniko. Dum la Dua Mondmilito li estis vicministro de la defendo. En 1946 li estis elektita en la Sciencan Akademion de USSR. Li havis multajn distingojn, meritojn kaj dekorojn.

La ĉiutago de la akademiano estis remburita per senfinaj zorgoj kaj urĝaj aferoj. Li posedis mirindan kapablon subteni kaj vigligi la ĉampionojn de la Novo. La ĵurnalistino Irina Badunskaja transdonas lian telefonan parolon, kiun oni povas konsideri kiel ege karaterizan por A.I.Berg:

-...Do,necesas iri kaj doksi...Ĉu vi konsideras la afero utila? Se tiel, necesas defendi ĝin. Kaj defendi kuraĝe kaj aŭdace. Nenio speciale eksterordinara estas en tio. Ĝi estas unu el eventoj meze de multaj aliaj. Ĝenerale dirante necesas „science boksi". Kaj ne nervoziĝu! Jes, la novo ĉiam naskiĝas malfacile. Ĉu vi velkis? Ne indas velki. Ĉu estas malmulte da stultuloj en la mondo? Ni luktas sur alia nivelo...Do, al diablo!...

Berg estis ege moderna homo. Tutanime li konkordis kun la ritmo de nuntempa vivo. Li ne deziris atendi ĝis kiam la ame akcelata de li cibernetika scienco laŭ ekzemplo de ĝiaj avinoj-sciencoj almoze elpetos agnoskon.

- Ne, milfoje ne! - diris Berg, necesas trarompi al ĝi la vojon en plej diversaj aferoj de tekniko, industrio, mastrumo; ĝi devas iĝi fundamento de stiro, gvido, rego.

Li enpenetrigis cibernetikon en pedagogion, en planadon, en lingvosciencon. Kaj lia partopreno en la pledado kaj progresigo de Esperanto estis konforma kaj logika elemento de lia naturo - la naturo de vera sciencisto.

N. Danovskij

## KONCIZA HISTORIO DE ANDORO

Spite al sia malfacila alireblo, Andoro estas enloĝita jam de la unuaj epokoj de la historio. En regiono de La Massana oni trovis restaĵojn de objektoj el la epoko de polurita ŝtono. Oni ankaŭ vidis rokojn, ŝajne starigitaj de homaj manoj, krudajn mehirojn al nekonataj diaĵoj. Ĉirkaŭ tri jarcentoj antaŭ Kristo, la romiaj legioj marŝantaj al Iberio, verŝajne uzis ĝiajn intermontojn, sed lasis nenian pruvon pri sia trapaso.

Roma historiisto Plinio la Maljuna aludas en siaj skribotabuletoj pri norda popolo, kiun li nomas „andorisae" kaj kies loĝlokon li indikas apud Kadizo, proksime de la Kolonoj de Herkulo.Oni supozas, ke tiu migrema popolo instaliĝis en la landon, al kiu ĝi donis sian nomon. Sed krom tiu nomsimileco, nenio ebligas certigi tiun diskuteblan supozon.




Laŭ aliaj, la origino de populado estas pli malfrua; ĝi eble datumas de Ludoviko la Dolĉanima, kiu venkinte la maŭrojn ĉe Messana, estis disdoninta al siaj soldatoj terbienojn kaj impostprivilegiojn kondiĉe, ke ili agnosku lin feŭdĉefo. Tiutempe Andoro estis parto de la Kataluna provinco.

Post la konkero de Iberia duoninsulo, la maŭroj okupis la landon dum multaj jaroj. Ili postlasis multnombrajn signojn pri si. Norde de Encamp oni vidas la ruinojn de unu el iliaj turoj, nomata „Castell dels moros". Norde de Ordino, ĉe Sant Julia de Loria oni vidas la ruinojn de du aliaj kasteloj. Apud Escaldes oni malkovris unu el iliaj tombejoj.

Kelkaj esprimoj de la andora vorttrezoro similas al arabaj. Sed pli ol tiuj senvivaj signoj restis plenviva ĝis hodiaŭ en la andoraj valoj la legendo pri Karlo Granda.

Nur tio estas pruvita kaj rajtas esti en la historio, ke Ludoviko la Dolĉanima en jaro 802 agnoskis rajton pri dekono-imposto super la Valoj al episkopo Poseidonio, en la katedralo de Sen d'Urgel.

Andoro, kun siaj senŝanĝaj tradicioj, nemulte evoluis depost 1278. Sekve de siaj malfacilaj rilatoj kun eksterlando, de sia neriĉa grundo, kiun neniu invadanto povis deziri, pro la simpleco de la viv kondiĉoj de siaj loĝantoj, ĝi restis la sama dum en Eŭropo fariĝis kaj malfariĝis regnoj.

Tamen la liberamaj ideoj de la 17-a jarcento, disvastigataj de la Franca revolucio, penetris en ĝi. Komence de la 19-a jarcento formiĝis partieto, kiu deziris, ke la institucioj fariĝu malpli ordemaj kaj patriarkaj.

La aŭtoritato de „Konsilio de la Tero", balotita ĉiun duan jaron pere de limigita voĉdonado de la familiestroj, estis nevolonte obeata de la junaj andoranoj. Estis formita delegitaro por precizigi la aspirojn, pristudi reformprojekton, ĝin redakti kaj prezenti al la Kunprincoj, por ke ĉi tiuj povu modifi la iaman konstitucion, validan depost la 15-a jarcento. La episkopo de Urgell, pli alirebla, akceptis tiun projekton.

Nur en 1933, post nova kampanjo de la partio „Andora Junularo" kaj pro timo de ribeloj, kiuj efektive okazis, la Kunprincoj anstataŭis la limigitan voĉdonadon per universala voĉdonado.

En tiu mallonga historio ni ne povas prisilenti la „grandan eventon", kiu estis la konstruado de nacia vojo, trairanta la valojn ekde 1934. Igante tre facile alirebla tiun landon, ĝis tiam fermita kaj misterplena, la vojo profunde transformis la princlandon.

Radio Andora , inaŭgurita en aŭgusto 1939 alportis la lasttempajn detalojn de la modernismo kaj konigas Andoron mondskale.

Robert Castello

NOVA ĈEFREDAKTORO DE „BULGARA ESPERANTISTO“

La Centra Estraro de la Bulgara Esperantista Asocio oficigis ekde la komenco de 1981 k-don DONĈO HITROV nova ĉefredaktoro de la asocia organo „Bulgara Esperantisto“.

K-do Donĉo Hitrov estas multjara profesia ĵurnalisto, aktivulo de la E-movado, membro de la Estraro de TEĴA. Li redaktis la kajerojn „Bulgara Filmo“ kaj regule kunlaboris al la iama revuo „Nuntempa Bulgario“.

Dum la Internaciaj E-kongresoj en Sofio (1963) kaj en Varno(1978) li estis unu el la gvidantoj de la Kongresa Gazetara Servo.Dum pli ol 15 jaroj k-do Ĥitrov estis Ĝenerala Sekretario de ILEF (Internacia Ligo de Esperantistaj Foto-Kino kaj Magnetofono-Amatoroj). kaj en 1978 li estis elektita ties prezidanto.

TURISTA KANTO

de Canko Murgin

Kuras nokto, kuras tago -
nigra-blanka temp-faden';
laco en muskol', imago -
tuj al distro, al promen'!

Nu, rapidu kamarado -
al labor' hodiaŭ fin';
Kara Mia, al vagado
lanĉas nin la kor-inklin'!

Vojaĝad' kaj promenado,
grimpo al la montopint' -
kant' turista - kanonado,
tra la valoj - fajna tint'...

Montodom' nin bonvenigas
mola estas la kusen',
grilo kante nin dormigas -
milde kisas nin maten'.

Sunoban', ludaro kanta,
blu-emana la seren' -
ŝvelas brust' facilspiranta,
post ferio: al reven'!

Kiom multe mi avidas
eklabori tuj, jam nun -
mi promenis, grimpis, ridis -
sed...laboro - mia sun'...

Ŝumen, Bulgario

TRA LA GAZETARO

*„Internacia urĝa agado" - sub tiu titolo „The Worker esperantist" en n-ro 316, majo 1981, substrekas la graveoon de la necesa urĝa helpo al homoj, kiuj suferis gravajn perdojn kaj domaĝojn dum tertremoj, inundegoj, uraganoj ktp.

Helpi urĝe en tiaj malbonaj okazoj estas nepre necesege: interveni por mildigi la malfeliĉon de la viktimoj, rekonstruadi ruinigitajn loĝejojn k.a. La homamaj civitanoj helpas malavare, eĉ ŝtatoj helpas iam abunde. Estas necesa persona, ŝtata, internacia helpo.

Sed...Se okazos la plej terura, sovaĝa, barbara atommilita katastrofo, se pereos ne nur homoj kaj apartaj landoj, sed se pereos la kara nia terglobo kaj la tuta homaro, kiu venos helpi urĝe!? Ĉu oni alvoku la helpemon de kosmaj planedestaĵoj? Nenio kaj neniu helpos la Teron, kiu estus entute morta ŝtonego. Helpos la homoj mem batalante jam nun por paco, por mal armado, per nuligo de la nukleaj kaj ĉiuspecaj aliaj hommortigiloj.

* Ĝoja fakto. „Esperanto ricevis gravan agnoskon sur la kampo de turismo". La Monda Turisma Konferenco, kunvokita de Organizo Mondo por Turismo (OMT) en septembro-oktobro 1980 en Manilo (Filipinoj), akceptis deklaracion, kiu eksplicite referencas al la Internacia Lingvo kaj ties rolo en la faciligo de la internacia komunikado".

Tion skribis ESPERANTO de UEA (n-ro 1, 1981). Ni, ĵurnalistoj esperantistoj aprobas tiun deklaron MTK kun kontento. Ja la plimulto ĵurnalistoj-esperantistoj estas ankaŭ fervoraj turistoj.

= = = =

**Legantoj,bonvolu sendi kontribuaĵojn al "Int.Ĵurnalisto".Krome, avertu la redakcion per simpla poŝtkarto,ĉu vi ricevas regule nian organon! Sciigu al "Int.J-s-to" la adresojn de viaj konataj ĵurnalistoj-esperantistoj.**

# R E C E N Z E J O

„Superrigardo pri Aŭstrio", de D-ro Karl Beckmann,
eldonis: Esperanto Redakcio de ORF (Aŭstria Radio,Vieno).

„Jen kolekto de felietonoj, kiun ni eldonas unuavice por la aŭskultantaro de la Vienaj Espperanto-programoj" - skribas D-ro Karl Beckmann - en la „Antaŭparolo" de la libro.

Ekstere tiu ĉi eldonaĵo estas modesta, sed sur 49 paĝoj oni trovas sufiĉe ampleksan informan materialon pri Aŭstrio, malgraŭ ke kelkaj felietonoj nur skize tuŝas la temon (ekz. „Kostumo",„Urboj",„Arto kaj literaturo" k.a.). Grava merito de tiu ĉi eldonaĵo estas, ke ĝi kapablas ekinteresigi homojn.

27 felietonoj konatigas kun aŭstria geografio, popolo, naturo, scienco, tekniko, filozofio, historio ktp. La tutan libreton oni povas legi kun granda intereso. Ekz.: pri „Sociaj trajtoj" la aŭtoro rakontas kvazaŭ kun leĝera humuro pri „Manĝaĵoj" simple kaj trafe. Eksterlandano eĉ ekdezirus mem iam gustumi „Kaizerscharren"...Oni sentas ĉie la kompetentecon de la aŭtoro pri la tuŝitaj temoj sendepende ĉu li parolas pri El la tri regnoj de la naturo", pri „Medicino", „Lerneja sistemo" aŭ aliaj.

Tre malmulte da loko estas dediĉita por „Arto kaj literaturo", sed estas interese ekscii pli multe pri la kajeroj de la „Aŭstria Antologio", kompilita de Aŭstria Esperanto Instituto.

La ĉapitro „Esperanto en Aŭstrio" ligas precipan atenton de esp-istoj. Preskaŭ kvar paĝoj estas dediĉitaj al tiu ĉi grava temo, kaj memkompreneble, oni povas trovi tie nur la plej koncizajn sciigojn. Estus dezirinde pri „Esperanto en Aŭstrio" legi pli ampleksan materialon en Internacia lingvo en la sekvantaj eldonaĵoj.

La libro havas ankaŭ ilustraĵojn, kiuj tre trafe kompletigas la tekston. Ĝi estas verkita en bona Esperanto, tial leginda kaj rekomendinda ne nur al la aŭskultantaro de Vienaj Esperanto-elsendoj, sed al ĉiu esperantisto. Ĝi estas bonega propagandilo pri Aŭstrio kaj mi estas certa, ke pere de ĝi Aŭstrio

ekhavos multe da novaj amikoj en la tuta mondo, kie oni komprenas Esperanton.

Rimarko: Viena Radio en Esperanto disaŭdigas ĉiusabate je 17,45 - 17,57 kaj ĉiu dimanĉon je 6,45 - 6,57 laŭ Mezeŭropa tempo sur ondolongoj: 16,82, 19,85, 47,74, 48,74. Elsendoj estas kapteblaj ankaŭ el zono 25 kaj 31 m.

Kiu deziras havi la libreton „Superrigardo pri Aŭstrio", bonvolu skribi al Redakcio - Esperanto de ORF, A-1136 Vieno, Aŭstrio.

M.Burgmeister

G A R D U L A P A C O N !

Esperanto-versaĵoj kaj poemoj de Asen Grigorov. Eldonis Hungara Esperanto-Asocio, Budapest, P.O.B. 149, H-1389, HUNGARIO.

La aŭtoro estas konata al la internacia esperantista legantaro kiel unu el la plej aktivaj E-agantoj, originala poeto kaj ĵurnalisto, aktiva membro de TEĴA. Antaŭ la Dua Mondmilito li redaktis semajnan E-paĝon (bulgarlingve) en la ĉiutaga ĵurnalo „Zarja". Post la milito li estis ĉefredaktoro de la esperantaj revuoj „Internacia Kulturo", „Nuntempa Bulgario" kaj „Interligilo" (organo de IPTEA).

La verko konsistas el kvar partoj: „El la frutempa verkaro" (1930-1941), „Gardu la pacon", „Espero nia" kaj „Malgranda antologio" (tradukoj de elstaraj bulgaraj poetoj).

En la unua parto forte impresas la poemo „Tom", verkita en la Sofia malliberejo en 1941 kaj dediĉita al la konata bulgara esperantisto-kontraŭfaŝisto Nikola Ŝopov, estinta sekretario de la Laborista Esperantista Asocio /BuLEA/, pendumita en la malliberejo.

Fine de la poemaro „Gardu la pacon!" en postparolo, titolita „Poezio de batalanta optimismo" la esperanta poeto Venelin Mitev (korespondanto de Bulgara telegrafa agentejo en Parizo) priskribas la krean vivon, agadon kaj verkaron de Asen Grigorov.

Esperantistoj el socialismaj landoj povas liveri al si la libron el la Hungara kultura centro en la koncerna lando. Ĝi estas liverebla ankaŭ per la Libroservo de UEA.

Kvindek jaroj Bulgara Laborista Esperanto-Asocio

/12.7.1930 - 12.7.1980/

Verkis Nikola Aleksiev,eldonis: Centra Estraro de BEA, 40 paĝoj. Aperis en paralela teksto esperante kaj bulgare. La libro ne estas detala historio de BuLEA, sed raporto, preparita por la delegitoj de la 40-a jubilea kongreso de bulgara esperantistaro en Plovdiv okaze de la 50-a jubileo de la fondiĝo de BuLEA.

La aŭtoro estas unu el la fondintoj kaj sekretario de BuLEA. En la broŝuro estas menciitaj la nomoj de aktivuloj-ĵurnalistoj: Asen Grigorov, Angel Ivanov(Anĝelo-pereinta dum 1941), Atanas Lakov, Ivan Keremidĉiev-Esperov, Hristo Gorov k.a.

La raporto estis laŭtlegita antaŭ solena jubilea kunveno en Sofio en ĉeesto de veteranoj de BuLEA.

Florantaa branĉeto

Poezio kaj prozo de Ljuba Bojaĝieva kaj Mihail Ĉobanov, 68 paĝoj. Eldonis LKK de 40-a jubilea kongreso de BEA, 1980, eldonkvanto 2500, redaktoro Asen Grigorov. Eldonita en la Ofseta bazo de BEA.

En la recenzo - aparte pri ĉiu aŭtoro - la konata bulgara aganto kaj poeto Asen Grigorov skribas pri la vivo kaj poezio de L.Bojaĝieva kaj pri la vivo kaj rakontoj kaj fabeloj por infanoj de M. Ĉobanov.

Ambaŭ aŭtoroj membris en la Literatura Rondo, gvidata sperte de Asen Grigorov, en kiu rondo kreiĝis bonaj poetoj, verkistoj kaj publicistoj.

Liveras la libron: Sofia Urba E-estraro, bul. „Hristo Botev“ 97, 1303 SOFIA, Bulgario.

Esperanto, La Internacia lingvo - Sciencaj aspektoj

La libro (330-paĝa) entenas prelegojn prezentitajn kadre de Internacia scienca seminario 1978, okazinta en Ahrenchoop, GDR - kaj aliaj kontribuaĵoj de: Vera Barandovska, Detlev Blanke I.F.Bociort, L.L. Pritasch, M. Ĝivoje, prof. Stojan Ĝuĝev, O. Hazspra, J.Jarmar, J. Kavka,B. Kolker, J.Leyk, A.Batkai, P.

String, I.Szerdahelyi.

Iuj publikigitaj materialoj prezentas sciencesplorojn pri interlingvistiko kaj esperantologio. La seminario okazis de 17 ĝis 23-a de aprilo 1978. La eldonon kaj la redaktadon preparis D.Blanke, senlaca E-aktivulo-sciencisto el Berlin,GDR.

La libro fine havas tri grafikojn, kvar tabelojn kaj literaturon.

En parto kvara - Aldonoj - post la komuniko pri la laboro de la Internacia semenario estas donitaj la adresoj de la kontribuantoj. La libro estas ege necesa por filologoj, verkistoj, ĵurnalistoj, kursgvidantoj ka. Eldonis kaj liveras la verkon: Centra Laborrondo Esperanto en Kulturligo de Germana Demokratia Respubliko, DDR-108 Berlin, Charlottenstr. 60. Prezo 9 markoj de DDR.

Publikaĵoj de UNESKO pri Komunikado

*** „Metodoj kaj teknikoj de edukado" (en franca). La studo estas dediĉita al la multflankaj mekanismoj por interŝanĝo de edukaj programoj kaj materialoj por aŭda vida edukado.

*** „La rolo kaj la konduto de la virino en la amasinformiloj" (en franca kaj en angla). Temas pri la socia rolo de la virino en amasinformiloj: presaĵoj, radio, kino.

*** „Novaj valoraĵoj kaj principoj en la komunikado inter la kulturoj" (en angla). Temas pri novaj kriterioj de la informado en afrikaj, arabaj kaj latinamerikaj landoj.

*** „Tekniko de preparado de laboristoj de la komunikado" ( en itala), eldonita ankaŭ en angla.

La aŭtoro F.Robert Dance studis en daŭro de 12 jaroj la formiĝon de kadroj en la sfero de komunikado. Li analizas grandan sperton en la fako de radio-sendado.

*** „Etikaj kodoj en la amasinformiloj" (en angla). Tiu ĉi studo celas difini bibliografian materialon por personoj, kiuj intencas labori en amasinformiloj kaj interesiĝas pri formuligo de novaj etikaj kodoj aŭ pri revizio de la ekzistantaj.

## „Internacia komisiono por studo de la problemoj de la komunikado"

Tiu ĉi granda libro (376 paĝoj) aperis en franca kaj angla lingvoj (kaj poste en hispana, rusa kaj ĉina). Ĝi prezentas la finan raporton de la komisiono Mac-Brige, kiu estis komisiita pristudi la problemojn de la komunikado en la aktuala mondo, analizante ĝiajn sociologiajn, politikajn, ideologiajn kaj teknikajn aspektojn. La komisiono konsistis el 16 eminentaj spertuloj el diversaj regionoj de la terglobo kaj estis gvidata de la irlanda ĵurnalisto kaj instruisto MacBrige.

## La gazetaro de Mongolio

Nuntempe en Mongolio aperas 70 gazetoj kaj revuoj kun unufoja eldonkvanto de pli ol miliono da ekzempleroj. Kompare kun la nombro de la loĝantaro tio prezentas grandan kulturan sukceson. Meze oni kalkulas 4-5 titolojn da periodaĵoj pofamilie. La mongolaj ĵurnalistoj kreas originalan , profunde internaciisman ĵurnalistikon, kies ĉefa figuro estas la laboruloj. La eldonataj gazetoj kaj revuoj kontribuas al la plialtiĝo de la politika aktiveco, kulturo kaj konsciiĝo de la mongola popolo en la vigla ekonomia kaj kultura rekonstruo de la lando.

## La radio kaj la nova tekniko

La germana aŭtoro Hans Bredow kolektis en unu volumon sub la supra titolo la kontribuaĵojn, faritajn en la simpozio, okazinta en Hamburgo - Tagoj de la informiloj 79 - kaj traktis la problemon de unu el la ĉefaj amasinformiloj - la radiodisaŭdigado ĉe la kondiĉoj de Federacia Respubliko Germanio. La diskutitaj problemoj dum la simpozio donas sufiĉe da materialo por pripensi la novajn efikajn manierojn, utiligi plej modernan teknikon favore al unu el la plej efikaj amasinformiloj - la radio.

RICEVITAJ EN LA REDAKCIO:

Ho Chi Minh - Versaĵoj kaj prozo de la gvidanto de la vjetnama popolo. Eldonis „Ruĝa Rivero" - Fremdlingva Eldonejo en Hanoj, Vjetnamio en 1980, 120 paĝoj. La versaĵojn tradukis Dao Anh Kha kaj la prozon Nguyen Minh Kinh kaj Dao Dinh Dan.

80 jaroj Esperanto-movado en Plovdiv, de Kr. Sofroniev, redaktoro Hristo Gorov, eldonkvanto 2500, Ofseta bazo de BEA-Sofio. Sur 66 paĝoj la aŭtoro priskribas la fondiĝon kaj la laboron de E-societoj en la dua plej granda bulgara urbo.

Somermeze - romano de la estona verkisto Paul Kuusberg, 360 paĝoj, bindita. El estona tradukis Alma Lekko. Eldonis „Eesti Raamat" Tallinn, 1981, Estona SSR. Romano pri la unuaj bataloj de la estonaj patriotoj kontraŭ la hitlero-faŝismo kaj ĝiaj agentoj enlande.

Raporto skribita en pendumila maŝo (1945) de la fama ĉeha heroo ĵurnalisto Julius Fuĉik. El la ĉeha tradukis R.Hromada k.a. Prago Panorama, 1979, 110 p. ilus. 19 cm.. La libro estas tradukita en pli ol 70 lingvojn. Liveras UEA.

Jarlibro de la Supera Pedagogia Instituto -Filologia fakultato en u.Ŝumen. Ŝtata eldonejo „Scienco kaj arto". Paĝoj 166. En tiu volumo kvara de la jarlibro estas titolo „La septembra literaturo en esperanto" studo de Canko Murgin, nia kolego kaj membro. Li skribas pri originalaj kaj tradukitaj verkoj pri la Septembra - unua antifaŝisma ribelo en Bulgario 1923, menciante kiel aŭtorojn de verkoj niajn TEĴA-membrojn: M.Ljubin (As.Grigorov), Ivan Keremidĉiev-Esperov, Hrima (Hristo Gorov) k.a..

The Children and the Mass Media (La infanoj kaj la komunikrimedoj.) La libro speciale tuŝas la problemon pri la televido kaj la infanoj. Eldonis IOĴ en Prago, 1980, 128 paĝoj. Aŭtoroj: M.Ĉerneusek,O.Pajerova, V.V.Ksenofontov, C.von Feilitzen, Jan Kuĉera k.a.

# N I A P O Ŝ T O

- N.Danovskij, Riga, LSSR - viaj kontribuaĵoj aperas sinsekve, tamen laŭ la neceso ordigataj. Via biografio okupis la lokon de via artikolo pri Berg k.a. en n-ro 1 - 1981. En rezervo estas ankoraŭ via artikolo pri la arĥivoj. Ĉio ricevita, dankon. Bv.sendi artikoleton kun koncizaj biografioj pri la forpasintaj niaj membroj en USSR dum la lastaj du jaroj.

- Sigal-Odesa, Burgmeister-Riga, J.Ojalo-Tallinn, L.Stefaznickas--Topolin. - Dankon pro la leteroj k.a. Rilate la membrecon de TEĴA kaj pagadon de abon (membro) kotizoj bv.provizore turni vin al nia estrarano N.Danovskij. Ĉiuj, kiuj ankoraŭ ne estis membroj kaj abonantoj de „I.Ĵ" jam estas enskribitaj en niaj mombro-kaj abonlistoj. Dankon.

- A.Agosti - Purmerand, Nederlando. - Viaj leteroj kaj la Ned. E-organo regule ricevataj. Dankon.

- Anna Brenann - Roterdam - dankon pri la klarigoj. Kaj tamen ne preterlasu eblecon sendi ion por „I.Ĵ" kaj helpi al TEĴA.

- Avoto (A.W.Thomson),Welling, Kent, Britlando. Ni bone komprenas vian sanstaton ktp. Ni dankas al vi pri la ĝisnuna kunlaborado kiel estrarano. Sed ni esperas, ke vi ankaŭ estonte kunhelpos al TEĴA kiel membro. Dankon ankaŭ pro la membrokotizo. Via poeziaĵo ankoraŭ ne venis en la redakcion.

- Dankon, kolego P.Antequera, Hispanio. La estraro de TEĴA kaj „Int.Ĵ-isto" treege dankas al nia kolego D-ro Petro I. Antequera (esq C.Veracruz 21,Criptana-Ciudad Real, Hispanio) pri lia preteco (mempropono) esti reprezentanto de TEĴA en Hispanio. Ni petas vin eltrovi ĵurnalistojn kaj publicistojn-esperantistojn, dezirantajn membriĝi al Tutmonda Esperaantista Ĵurnalista Asocio kaj ricevadi nian organon. Bonvolu sendi al la redakcio iliajn precizajn adresojn kaj noton ĉu ili estas profesiaj (por A-membroj) aŭ nur kunlaborantoj al la gazetaro, radio, televido (B-membroj). Vi povas kolekti iliajn kotizojn - 2 dolaroj jare, kiel membro-kotizo, kiu inkluzivas ankaŭ la abonkotizon.

## N I A P O Ŝ T O

/Daŭrigo/

La kotizojn vi povas sendi al nia ĝenerala sekretario Dino Fabris - Italio. Vidu lian adreson malsupre en la ADRESARO.

- Responde al la demandoj de niaj teĵanoj, la redakcio de „I.Ĵ" sciigas al ĉiuj niaj membroj kaj abonantoj, ke „Internacia Ĵurnalisto" aperos kvaroje dum la jaro. Se la redakcio trovos eblecon, ĝi plioftigos la aperadon de la organo de TEĴA.

- La redakcio de „Int.Ĵ-isto" petas la teĵanojn, partoprenintajn la Universalan Kongreson de Esperanto en Brazilio ĉijare informi la redakcion pri okazintaj eventuale renkontiĝoj aŭ kunsido de membroj de TEĴA dum la UK kaj pri ties proponoj kaj rezultoj.

## E S T R A R O D E T E Ĵ A

Prezidanto - Olav Thormodsen
Box 59,5501 Haugesund,Norvegio

Vicprezidantoj:
Ivan Keremidĉiev-Esperov, kv. „Borovo" bl.219, B, 1680 Sofia, BULGARIO /Li estas ankaŭ ĉefredaktoro de „Internacia Ĵurnalisto"
Tadros Megalli, D-8381 Rossebach, Untergrafendorr, F.R.GERMANIO.
Nikolaj Danovskij 226014 Riga 14,ul.„Ostrovskago" 4-4 A, USSR.

Ĝenerala sekretario kaj kasisto:
Dino Fabris, Borgo Rossano 5, Cittadella (Padova), ITALIO.

Membroj-estraranoj:
Donĉo Hitrov, 1000 Sofia, ul.„Asparuh" 61, BULGARIO.

**Kiu teĵano volas esti reprezentanto de TEĴA por sia lando bv.kaj informi pri tio nian organon.**

---

Ĉefredaktoro: Ivan Keremidĉiev-Esperov, 1680 Sofia, kv.„Borovo", bl. 219, B, BULGARIO, Tel. 56-58-77.
Redaktoroj: Nikola Aleksiev , Krastju Karucin